# La Amsterdama Katedro

---


2015 © Monique Kooijmans

## Esperanto en kursoj kaj paroladoj

*En ĉi-tiu numero estos prezentita la periodo ekde Februaro ĝis Majo 2015. La plej grava evento de la periodo laŭ la vidpunkto de komuniko certe estis la inaŭgura parolado, kiu okazis en Marto. La parolado ricevis konsiderindan atenton de la nederlandaj amaskomunikiloj ĉar ĝi estis parte en Esperanto. Je la fino de la sama monato finiĝis la du kursoj instruitaj de la katedrulo, kaj aparte la unua kurso de Esperanto. Krome, kelkaj seminarioj kaj invititaj prelegoj estis donitaj en la Universitato, kaj krome okazis partopreno al internacia kongreso pri lingvaj rajtoj.*

*Foto: Federico Gobbo kun Osmo Buller, direktoro de UEA, ĵus antaŭ la evento.*

---

## La inaŭguro retrospektive

de F. GOBBO

POST LA PARTOPRENO al la inaŭgura parolado de kolegino OProf Beppie VAN DEN BOGAERDE, speciala katedrulino pri la nederlanda signolingvo[1], kiu okazis en Oktobro, venis al mi ideo. Ŝi ne parolis sed signis nederlande, dum helpanto samtempe skribis la nederlandan tradukon surekrane. Danke al tiu elekto, aperis kelkaj novaĵoj pri tiu parolado en la nederlandaj ĵurnaloj.

Mi do pripensis kion fari ekde tiam rilate al la lingvopolitiko de mia inaŭgura parolado. Kolegoj de la Universitato dividiĝis en du apartaj grupoj. La pli granda grupo simple ne zorgas pri tiuj aferoj, kaj ŝultroleve ili konsilis al mi paroli en la angla ĉar mi estas italo. Aliflanke, la pli malgranda grupo – en kiu troviĝas nehazarde kelkaj signolingvistoj kun kiuj mi havas bonan rilaton – sugestis al mi profiti la okazon kaj inaŭguri la katedron tute en Esperanto.

Ambaŭ solvoj aperis al mi ekstremaj: en la unua kazo, nura uzo de la angla povus prave ĝeni la Esperantan publikon; en la dua kazo, nura uzo de Esperanto povus simple forigi la intereson de la neesperantistoj, kiuj povis pensi, ke la inaŭgura parolado estus nur privata afero de la Movado – kaj tio ja ne estis. Mia celo estis trovi mezvojan solvon.

La monatoj pasis, kaj mi kolektis multajn notojn pri la enhavo de la parolado mem. Kiel kutime, miaj notoj skribiĝas en diversaj lingvoj, depende de la kunteksto. Kaj subite venis al mi la solvo: mi faru inaŭguran paroladon en multaj lingvoj! Ĉu ne estas multlingveco la esenca kialo de la tuta fako interlingvistiko? Pro tio la parolataj lingvoj estis, laŭ ordo de apero: la nederlanda, Esperanto, la franca, la itala kaj la angla. Krome, mi signis en la nederlanda mallongan dankvorton al Beppie pro la inspiro kaj la konsiloj. La anglan mi uzis mallonge, kaj tiam mi montris surekrane Esperantan tradukon.

[1]Jen alia problemeto en la vortprovizo de Esperanto: multaj lingvoj uzas formon kun la radiko 'sign' por indiki la signolingvojn (ekz.: angle: *sign languages*, itale *lingue dei segni*) dum aliaj preferas la radikon 'gest' (nederlande: *gebarentalen*). Post kelkaj paroladoj kun la fakuloj ĉe la Departemento de Lingvistiko – kie ekzistas specifa grupo pri signolingvistiko – la esprimo "gestolingvo" ofte enhavas pejorativan konotacion, dum 'signolingvo' pli neŭtras. Pro tio mi parolos pri signolingvoj anstataŭ gestolingvoj.

Ekzemple, la Kartezia citaĵo estis en la franca originalo, dum surekrane aperis traduko en la angla. Kiam mi donis citaĵon en la angla, la surekrana teksto estis en Esperanto.

La enkonduko kaj la dankvortoj estis diritaj en la nederlanda. Mia elparolo estis sufiĉe komprenebla, laŭ la atestoj de la nederlandanoj kiuj afable volis trankviligi min pri tiu ĉi aspekto. Tamen, la legantoj ne devas fidi je aliies juĝo: oni povas rekte spekti la paroladon interrete, danke al la servoj de la Universitato, kiu profesie filmis la tutan eventon kaj muntis, tiel ke, perkomputile oni povas rigardi la lumbildojn kaj aŭdi la vortojn en la ĝusta ritmo.[2]

Laŭ la takso de la entrepreno kiu okupiĝis pri la surloka bufedo, partoprenis al la evento plimalpli cent homoj. Krom la familio, la kolegoj kaj multaj esperantistoj, sufiĉe granda nombro da studentoj de la kursoj ĉeestis la paroladon.[3]

## La inaŭgura parolado ĉe la amaskomunikiloj

de F. Gobbo

Mi petis la helpon de la oficejo pri komunikado de la Universitato de Amsterdamo por kontakti la naciajn amaskomunikilojn, ĉar mia kono de la nederlandaj lingvo kaj medio ankoraŭ malsufiĉas por optimume tion fari sen kunlaboro de fakuloj. Kaj la rezultoj estis bonaj. Fakte venis petoj por intervjuoj en la plej malsimilaj manieroj: ne nur fizike, ĉe la laborloko aŭ kafejo, sed ankaŭ per skajpo, telefono aŭ eĉ tujmesaĝilo[4].

La retejo NOS kaj la programo *op3* estas sufiĉe popularaj ĉe nederlandaj gejunuloj, kaj do la demandoj temis ĉefe pri tradukado de kaptfrazoj por ekflirteti kun esperantoparolantoj. La titolo signifoplene estis, en tradukto el la nederlanda: Esperanto, kiu ankoraŭ parolas ĝin?[5]

Alia grava nacia medio estas Radio1. Aperis intervjuo, kie mi respondis en Esperanto kaj la nederlanda, preskaŭ ĉe la meznokto antaŭ la okazo de la parolado mem.[6]

Nekutima intervjuo, kun interesaj, nebanalaj demandoj – ekzemple: 'ĉu Esperanto estas pli facile lernebla por disleksiuloj kompare al aliaj lingvoj?' – kaj eĉ ludeto por diveni la signifon de simplaj frazoj en Esperanto, venis de la aŭtorino de la artikolo ĉe *7Days*. Temas pri nederlandlingva revuo (jes, kun anglalingva titolo!) por nederlandaj adoleskantoj – vidu Figuron 2 en la venonta paĝo.[7]

Popularaj ĵurnaloj, kiel *het Parool*[8] kaj *Volkskrant*[9] aperigis mallongajn novaĵojn pri "Esperantlingva inaŭgura parolado". Unu el la plej aprezataj artikoloj pri la parolado estis publikigita en Kennislink.[10] La aŭtorino, Mathilde Jansen, estas doktoriĝintino de unu el la du antaŭuloj de la Amsterdama Katedro, Marc van Oostendorp. Baldaŭ aperos prezento de la katedrulo en nederlanda revuo por interpretistoj kaj tradukistoj *Linguaan*, danke al la interesiĝo de esperantistino Marulino Essenes. Kompreneble, la Universitato menciis la paroladon en *Folia Magazine* nro 23.[11]

Krom la nederlandaj, kelkaj esperantlingvaj amaskomunikiloj priparolis la eventon. Krom la kutimaj kanaloj de UEA, kiu estas la sponsoro de la katedro mem, aparte menciindas la 421-a elsendo de la Pola RetRadio[12].

La multlingva teksto de la parolado (malparaj paĝoj: kion mi diris; paraj: kion mi montris sur la ekrano) aperos paper- kaj bitforme per la tipoj de *Amsterdam University Press*. Paperajn ekzemplerojn mi esperas kunporti ĉe la UK en Lilo, por interesitaj homoj. Krome, la bita versio estos libere je dispono en la oficiala retejo, probable antaŭ aŭtuno.[13]

## La kurso de Esperanto kaj aliaj didaktikaĵoj

de F. Gobbo

La kurso de Esperanto, kiu okazis en la monatoj Feb-Mar, estis por mi iom nova. Kvankam mi instruas Esperanton en Universitatoj ekde kelkaj jaroj en

[2]La sekva ligo estas garantiita por sep jaroj ekde la dato de la inaŭgura parolado, tio estas la 15a de Marto 2015: http://webcolleges.uva.nl/Mediasite/Play/07e441552184440382b6734a1551f4091d.

[3]Temas pri almenaŭ dek homoj. Oni konsideru, ke tiam mi instruis nur kvar kursojn entute (dufoje Interlingvistikon, unufoje Esperanton kaj Eŭropajn Minoritatajn Lingvojn). Venis ĉirkaŭ 30 studentoj entute, do la procentaĵo ne estis malbona.

[4]Por la scivolemuloj, temis pri la populara *WhatsApp*, per kiu mi sendis ankaŭ sondosierojn, por la artikolo ĉe NOS.

[5]Por nederlandlingvanoj: http://nos.nl/op3/artikel/2023974-esperanto-wie-spreekt-dat-nog.html.

[6]Interesitoj povas aŭskulti mian voĉon per telefona internacia konekto, la nura kiu funkciis tiam: http://www.radio1.nl/popup/terugluisteren-uren/2015-03-12/23:00. Je la minuto 54:40 de la sondosiero alvenas la intervjuo.

[7]La retejo gastigas kroman materialon por plisubteni la artikolon publikigitan en la papera revuo. Ĉi-kaze, la travidebla retejadreso estas: http://www.sevendays.nl/esperanto.

[8]Vidu: http://www.parool.nl/parool/nl/224/BINNENLAND/article/detail/3900719/2015/03/13/UvA-hoogleraar-houdt-toespraak-in-wereldtaal-Esperanto.dhtml.

[9]Vidu: http://www.volkskrant.nl/binnenland/vrijdag-13-maart-dit-is-vandaag-belangrijk a3900768/

[10]La porĉiama ligo estas: http://www.kennislink.nl/publicaties/ja-er-is-nog-hoop-voor-het-esperanto.

[11]Vidu: http://www.foliaweb.nl/wp-content/uploads/2015/03/Folia-Magazine-23-jaargang-2014-2015.pdf.

[12]La ĝenerala retej-adreso estas: http://www.pola-retradio.org.

[13]La retej-adreso estas: http://www.oratiereeks.nl.

[14]Kiel sciate, en la Universitato de Amsterdamo pli kaj pli da kursoj estas donataj en la angla anstataŭ en la nacia lingvo, laŭ la

Italio, mi neniam antaŭe instruis la lingvon per la angla kiel oficiala lingvo de la kurso.[14] La avantaĝo estis, ke partoprenis du Erasmus-gestudentoj, unu el Ĉeĥio, la alia el Hispanio. Entute sekvis konstante la kurson kaj trapasis la ekzamenon 12 studentoj, el la plej malsimilaj studkarieroj, inter la aliaj: signolingvistiko, anglistiko, Artefarita Inteligenteco (A.I.).

La ĉeĥa studentino sekvis ankaŭ la kurson pri Eŭropaj Minoritataj Lingvoj, kies respondeculo estas AProf Arjen VERSLOOT. Li instruas la parton pri la frisa lingvo, dum la kolegino Ana ESCOFET-VILA instruas la parton pri la kataluna. Mia parto estis la enkonduka, en kiu mi enkondukas la teorion per la ĉefa literaturo. Kvankam la studentoj estis nur 5, la prijuĝoj de la studentoj estis altaj, do en la venonta studojaro ni tri ripetu la saman strukturon, kiu estas sufiĉe nova.




*Bungehuis dum la okupiĝo*

Oni ne devas forgesi, ke ĝuste dum la monatoj de la kursoj okazis protesta okupiĝo de la konstruaĵo Bungehuis, kie estas mia oficejo, fare de la studentoj. Unu el la kialoj de la protesto estis la fakto ke la historia konstruaĵo estis vendita por iĝi luksa hotelo, kaj samtempe, pro la manko de mono ĉe la Fakultato de Humanistiko, multaj kursoj riskas malaperi, ĉefe la kursoj de la tielnomataj 'malgrandaj lingvoj' (*kleine talen*), inter la aliaj la araba, la franca, la itala kaj la pola – la 'malgrandeco' dependas de la nombro de la studentoj, esence. Post la okupiĝo, la lingvoj estis savitaj por la venontaj tri studojaroj.

Unuaflanke mi subtenas kelkajn celojn de la okupiĝo, aparte la grupo *Humanities Rally*, kiu estis formita de niaj studentoj, aliflanke la fakto, ke mi povis atingi nek mian oficejon nek la bibliotekon malfaciligis mian esploran kaj didaktikan laboron surloke.

Fine, mi mencias, ke mi superrigardas du disertaĵojn. La unua estas de Emma KONIJN, kiu sekvis interlingvistikon kaj studas anglistikon. Ŝi pligrandigas la eseeton per pliprofundiĝo en la rilaton inter la Sapir-Whorf-hipotezo kaj planlingvoj, komparante la klingonan kaj la usonanglan, por vidi kiagrade estis la influo de la gepatra lingvo de Marc OKRAND en la planado de la klingona. La dua estas de Fleur BOITELLE, kiu intervjuis studentojn de Eŭropaj Studoj kaj Historio pri la aliroj al la angla kiu iĝas pli kaj pli forta kiel universitata lingvo de instruado ene de la Universitato de Amsterdamo kaj aparte en la humanistiko. En ambaŭ kazoj la katedrulo estas la dua superrigardanto, dum la unua estas alia profesoro de la Universitato de Amsterdamo.

## Esploraj agadoj

de F. GOBBO

LA UNUAJ MONATOJ de jaro 2015 estis ĉefe dediĉitaj al la inaŭgura parolado kaj al la du kursoj, kiuj enhavis diversajn elementojn de noveco. Tamen, kelkaj agadoj je la kampo de esplorado estis faritaj. Ni komencu per la aferoj jam menciitaj antaŭe.

La ĉapitro pri kompleksco kaj planlingvoj, post reviziado, estis sendita por la lasta prijuĝo, kaj nun ĉiuj kontribuantoj atendas la finan vorton. La libro redaktata de la katedrulo pri interlingvistikaj temoj eniras la fazon de redaktado kaj enpaĝigo kun la eldonisto. Pliaj detaloj sekvos, kiam ĝi estos preta. La limdato por la apero estas Marto 2016.

La fakartikolo pri la inventado de lingvoj en Montessori-bazlernejo aperos espereble en la somera numero de la revuo *AMI Journal*.[15] La fakartikolo pri la komparo inter la mondaj literaturoj en Esperanto kaj la angla malfruas, kaj pri tiu malfruo respondecas nur la katedrulo.

La speciala numero de *INDECS* jam menciita en la antaŭaj numeroj de ĉi tiu bulteno fine estis publikigita. La titolo de la kontribuo, verkita originale en la angla, estas: 'peraŭtomata tradukado kiel kompleksa sistemo, kaj la fenomeno Esperanto'.[16]

Malgraŭ la invitoj prelegi ĉe la seminarioj de logikistoj, ne estiĝis ĝis nun konkreta oportuno pri kunlaboro kun la koncernaj esplorgrupoj. Alia esplorinda ŝanco por kunlabori venas de la nova esplorgrupo pri la metaforoj, ĉar en Januaro 2015 aliĝis al la Universitato de Amsterdamo konata nederlanda fakulo pri ĝi, OProf Gerard STEEN.

La katedrulo, kune kun OProf Gabriele IANNÀCCARO (Universitato de Stokholmo) kaj Vittorio DELL'AQUILA (CELE, *Centre d'Etudes Linguistiques pour l'Europe*) prezentis temon ĉe la simpozio 'Ekonomio, Lingva Justeco kaj Lingvopolitiko', organizita de Prof. Bengt-Arne WICKSTRÖM, Dro Michele GAZZOLA kaj Torsten TEMPLIN. Pro multaj kialoj prezentis la prelegon DELL'AQUILA. Kelkaj prelegantoj estis invititaj kontribui al faka libro pri la temo eldonota de Springer per ĉapitro, kaj inter ili ankaŭ

tendenco de multaj Universitatoj en Eŭropo.

[15]Vidu la retejon: http://ami-global.org/publications/journal.

[16]La konstanta retej-adreso (DOI) por atingi la fakartikolon estas la jena: 10.7906/indecs.13.2.6.

# Prikbord UvA

ideëen voor deze rubriek: redactie@folia.nl

## FGw Esperanto



Voor het eerst zal aan de UvA een hoogleraar zijn oratie (gedeeltelijk) houden in het Esperanto. Federico Gobbo, bijzonder hoogleraar interlinguïstiek en Esperanto, houdt op 13 maart zijn oratie, getiteld *Interlinguïstiek. Een vak voor meertaligheid.* Hij zal de oratie uitspreken in drie talen: Esperanto, Engels en Nederlands. Op een apart scherm zal de vertaling van de uitgesproken tekst steeds in de andere twee talen verschijnen. In zijn oratie legt Gobbo uit wat er in de 21ste eeuw nog interessant is aan Esperanto. Locatie: Aula. Aanvang: 16.00 uur.

## FNWI BètaBreak




Op 18 maart is er weer een bètadebat in de centrale hal van de FNWI. Het thema is water. Aanleiding vormen de waterschapsverkiezingen op die dag. Die verlopen dit jaar voor het eerst via de stembus. Vragen die bij het debat aan de orde komen zijn: waar gaan de verkiezingen over en wat is de invloed van klimaatverandering op de toekomst van de Nederlandse dijken? Gasten: Erik Mostert, onderzoeker watermanagement aan de TUD en Anna Schutte, studente Future Planet Studies en verkiesbaar voor het waterschap Amstel Vecht en Gooi. Aanvang: 12.00 uur

Figuro 1: La anonco de la inaŭgura parolado ĉe *Folia Magazine*

la tri aŭtoroj de la prezento. La provizora titolo estas: difini socilingvistikan justecon: parametroj kaj modeloj por la analizo. La apero de la libro antaŭvideblas en 2016.

La alia grava kongreso planita okazis en Majo en Teramo, Abruco, Italio. Temis pri la unua tutmonda kongreso pri lingvaj rajtoj: ĝi daŭris kvin plenajn tagojn kaj okazis ĉirkaŭ cent prezentoj, en tri laborlingvoj: franca, itala (kun traduko en la itala signolingvo LIS) kaj angla. La temo de la prelego estis komparo inter minoritata lingvo, la piedmonta, kaj Esperanto, kaj propono uzi la bitteknologiojn por revigligi la piedmontan en maniero simila al Esperanto. La lumbildoj estis prezentitaj en la itala, piedmonta, kaj Esperanto.[17] Kunaŭtoris Dro Emanuele MIOLA (Universitato de Milano-Bicocca). En 2016 venos volumo kun la aktoj de la kongreso. Raporto pri la kongreso baldaŭ aperos en IPI, Informilo por Interlingvistoj.

Ne klaras, ĉu la esplorprojekto pri enkonduko de interlingvistiko sub formo de kreado de lingvoj en bazlernejoj povos efektiviĝi pro la nekutima akademia situacio de la katedrulo en Nederlando kaj Italio: ordinare oni petas repagon de la instrua tempo por esplorprojekto, sed tio ne eblas kaze de la Amsterdama Katedro.

## Aliaj informaj agadoj

de F. GOBBO

LA SUKCESO de la tri studentinoj kiuj planis fantastan lingvon en la fikcia mondo de Christopher PAOLINI (vidu la bultenon nro 27 por detaloj) vekis la atenton de studentaj bultenoj kaj magazenoj. La katedrulo estis intervjuita fare de Tessel RIJNEVELDSHOEK por la magazino *Writer's Block* (ĉefe verkita en la nederlanda, malgraŭ la anglalingva nomo...) kiu estas tre legata de la studentoj ĉe la Universitato de Amsterdamo. Ĝi aperos probable en Junio.

Krome, danke al persona, eksterakademia intereso, la lingva pejzaĝo de Amsterdamo nun havas esplicitan skribaĵon en Esperanto en unu el la plej gravaj parkoj de la urbo, Vondelpark. Artistino inventis kradon por kolekti perditaĵojn en publikaj spacoj kiel ekzemple parkoj, kaj nomis ĝin nederlande *Vindhek*. La vorto estis tradukita en multaj lingvoj, sed ne en Esperanto. Do mi decidis proponi tradukon al la artistino pere de retmesaĝo, kaj tute hazarde ŝi jam planis aktualigi la afiŝojn en la parko per novaj tradukoj. Feliĉe, okaze de la printempo ili estas pretaj; tiel, la vorto 'trovkrado' kun la tradicia flago de Esperanto aperas flanke de la aliaj tradukoj – vidu Figuron 4 , suba parto.

Fine, la artikolserio pri interlingvistiko publikigita en la revuo *Esperanto* finiĝis en Majo, kaj meritis la kovrilon de la tiama numero – vidu Figuro 4 , supra parto.

---

[17] Oni povas vidi ilin per la retejo *Slideshare* ĉe la sekva retej-adreso: http://www.slideshare.net/goberiko/modificare-la-rappresentazione-linguistica.

## Plasmuur pist terug

**KORT** **Duitse wetenschappers hebben een oplossing bedacht voor de penetrante pislucht die in de Hamburgse hoerenbuurt St. Pauli hangt. De muren waar wildplassers zo vaak tegenaan urineren, plassen sinds kort namelijk terug. 'In de hele wijk hebben we veelbezeken muren met super-waterafstotende verf beschilderd', vertellen pissige buurtbewoners in een YouTube-video. 'Die lak is zó water-afstotend, dat druppels erop regelrecht terugketsen.' Het gevolg voor de wildplasser: natte schoenen en een natte broek. En een pislucht mee naar huis. Slimme plassers in Pauli pissen dus voortaan op de plee.**

WWW Hoe het systeem precies werkt, zie je in de video op *www.sevendays.nl/wildplassen*

## Brein beloofd

**KORT** **Hoe ziet je brein eruit na een American Football-carrière vol klappen op je kop? Waarschijnlijk niet zo best. Maar bewezen is dat nog nooit. Daarom hebben American Football-profs Steve Weatherford en Sidney Rice beloofd hun hersenen na hun dood af te staan voor onderzoek. Rice (27) is net gestopt met de sport, omdat hij in de loop der jaren al vijftien tot twintig hersenschuddingen heeft opgelopen. Nog meer gehamer op z'n hoofd kan nooit goed zijn voor zijn gezondheid, vreest hij. Opvallend veel Amerikaanse oud-footballprofs hebben namelijk een hersenziekte. Een blik op zo'n beschadigd brein moet niet alleen bewijs opleveren, maar de sport ook veiliger maken. 'Hopelijk beseft iedereen dat je voor je hersenen moet zorgen zoals je voor je lichaam zorgt', vertelden de twee in een persconferentie.**




© EPA

## Robot stoplicht

**KORT** **Vijf pratende reuzenrobots leiden tegenwoordig het chaotische verkeer in de Congolese miljoenenstad Kinshasa in goede banen. De metershoge mannen hebben rode en groene lichten in hun handen en een camera in de buik. Die moeten de doorstroming verbeteren en voorkomen dat weggebruikers de regels aan hun laars lappen. 'In onze stad kon je de wet overtreden, wegrennen en hopen dat niemand je had gezien. Nu kun je dag en nacht betrapt worden en een boete krijgen', vertelt Therese Izay, hoofd van de groep ontwikkelaars, in *The Guardian*. De robotcops kosten 21.000 euro per stuk.**

# LINGVO SEN LANDO




**INTERVIEW** ***Esperanto estas lingvo sen landlimoj.**** **Klinkt dit als Chinees voor jou? Als het aan Federico Gobbo ligt, de nieuwste bijzonder hoogleraar van de Universiteit van Amsterdam, komt daar verandering in. Vandaag houdt hij zijn oratie (eerste officiële toespraak) deels in het Esperanto. Dat zou wereldwijd de eerste keer zijn, want dit vreemde taaltje hoort bij geen enkel land.** Door Kim Einder



De Italiaan gaat onderzoek doen en lesgeven in het Esperanto. Zijn geheime missie: de taal wat populairder maken. Nu zijn er wereldwijd naar schatting maximaal een miljoen mensen die Esperanto spreken. 'Er zijn geen officiële aantallen, maar in Nederland zijn het er misschien duizend', denkt hij. 'En dat terwijl het ontzettend makkelijk te leren is.'

### Miscommunicatie

Talen als Nederlands en Frans zijn op natuurlijke wijze ontstaan, als resultaat van eeuwenlang lokaal gebrabbel dat zich bleef ontwikkelen en op een gegeven moment maar eens in een woordenboek werd gegoten. Maar Esperanto niet. Die mix van tien talen (onder meer Frans en Russisch) is in de negentiende eeuw volledig bedacht door de Poolse tiener Lodewijk Zamenhof. Zijn Poolse, Duitse, Joodse en Russische stadsgenoten konden elkaar namelijk niet verstaan. Als iedereen nou Esperanto leert, voorkomt dat een hoop miscommunicatie, hoopte hij.

Toen een slim idee, maar tegenwoordig hoor je toch op elke uithoek van de planeet Engels? Dan is dat hele Esperanto toch niet meer nodig? Gobbo: 'In Nederland spreekt iedereen prima Engels. Maar hoe verder je buiten ons taalgebied komt, hoe minder je daarmee uit de voeten kunt. In Frankrijk spreken ze het al minder goed, in delen van China helemaal niet.'

### Neutrale taal

Esperanto dient nog een hoger doel dan pakweg een broodje kunnen bestellen bij een Congolese, Cambodjaanse of Colombiaanse bakker. 'Het is ook een neutrale taal. Esperanto hoort niet bij een bepaald land, de taal is van iedereen. Als twee mensen met verschillende nationaliteiten Esperanto praten, zijn ze gelijkwaardig', legt Gobbo uit. En aangezien je de simpele grammatica binnen een mum van tijd machtig bent, word je niet snel weggeblazen door een gesprekspartner die de taal veel beter onder de knie heeft dan jij. Sommige Esperanto-enthousiastelingen denken zelfs dat de Tweede Wereldoorlog nooit was uitgebroken als meer mensen het 'eerlijke' Esperanto hadden gesproken.

'De taal wordt de laatste jaren steeds populairder, vooral in Brazilië en China', weet de hoogleraar. Toch is de kans klein dat we straks allemaal Esperanto spreken. Zolang er geen super-invloedrijke mensen - de Obama's en One Directions van deze wereld - zijn om de taal te promoten, bereik je namelijk nooit zeven miljard mensen. Maar ook zonder wereldoverheersing heb je een hoop aan Esperanto, vindt Gobbo. 'Je legt makkelijk contact met Esparantisten uit de hele wereld, die erg *open minded* zijn. Japans is bijvoorbeeld een heel formele taal, maar in het Esperanto durven Japanners veel vrijer te spreken.' Volgens Gobbo kost het niet veel tijd om de taal te leren. 'Het duurt drie jaar om redelijk Italiaans te leren spreken. Esperanto heb je al in drie maanden onder de knie, of als je je best doet zelfs in drie weken.' Probeer het maar eens met deze mini-spoedcursus. *Sukceso!*

*: Esperanto is een taal zonder landsgrenzen

## EENVOUDIG ESPERANTO

***Saluton! = Hoi!***
▲ Je spreekt bijna alle woorden uit zoals je ze leest. De klemtoon ligt op de één na laatste lettergreep: Sa-LU-ton.
***Bonan tagon! = Goedendag!***
***Mia nomo estas = Mijn naam is ….***
▲ Mi betekent ik, vi betekent jij
▲ een werkwoord dat op -as eindigt, staat in tegenwoordige tijd. Eindigt het op -is, dan is het verleden tijd.
***Kiel vi? = Hoe gaat het met je?***
***Tres bone! = Heel goed!***
***Mi estas malsana = Ik voel me ziek***
▲ Voor een tegenstelling heb je geen heel 'nieuw' woord nodig. Je zet gewoon 'mal' ('niet') voor de tegenovergestelde term. Malsana betekent letterlijk niet-gezond: ziek dus.
***Mi amas vin = Ik hou van jou***
***Vi estas bela = Jij bent mooi***
***Vi estis stultulo = Je was een flapdrol***
***Damne! = Shit!***

WWW Na deze eerste zinnen klaar voor het echte werk? Test hoeveel Esperanto jij begrijpt op *www.sevendays.nl/esperanto*

## DE REAGEERBUIS

### Waar blijven de verhalen over sympathieke spinnen?

Spinnen hebben niet zo'n beste reputatie. Zo spelen ze zelden een positieve rol in verhalen. Ga maar na: Frodo uit *The Lord of the Rings* krijgt te maken met een agressieve spin en Harry Potter wordt ook al bijna vermoord door zo'n harig beest. Waarom eigenlijk? Oké, je hebt giftige exemplaren die je maar beter niet tegen kunt komen. Maar de spinnetjes hier in Nederland, die doen geen vlieg kwaad. Of, nou ja, eigenlijk wel, ze doen juist vliegen kwaad. En daar mogen we ze wel dankbaar voor zijn. Ik heb in de zomer veel meer last van vliegen dan van spinnen. De spin mag wat mij betreft dus wel wat meer waardering krijgen. Waar blijven de verhalen over sympathieke spinnen die goede raad geven, gemene vliegen wegjagen of een pootje toesteken door een superweb te maken? De enige positieve spinnige die ik kan bedenken is Spider-Man. Maar ja, dat is een mens. En trouwens, spinnen hebben ook het nodige over ons te klagen. Zo hebben onderzoekers uit Taiwan laatst de snorren van een aantal spinnen afgeschoren. Ik verzin dit niet! Ze wilden kijken of een bepaalde spinnensoort een witte streep boven de bek heeft om hun prooi te lokken. En dus, hop, snor eraf en uitproberen maar. Conclusie: ja, de witte snor lokt kleine motjes en andere prooien. Fijn. Weten we dat ook weer. Maar die spinnen zijn mooi hun snor kwijt. Daar zijn ze vast niet blij mee. Nee, dat doet onze reputatie geen goed. Die snorloze spinnen gaan nu natuurlijk verhalen rondvertellen over de gemene streken van de mens. En gelijk hebben ze.

**©Sytse**

**Sytse schrijft al jaren over wetenschap en techniek. In *De Reageerbuis* reageert hij elke week op nieuwe uitvindingen en ontdekkingen. Meepraten? Mail naar *Sytse@sevendays.nl***



© BUDDILLU/DREAMSTIME/ISTOCK

Figuro 2: La antaŭlasta malneto de la artikolo ĉe *7 Days* (la esprimo *tres bone estis poste korektita)





Figuro 3: Du momentoj de la inaŭgura parolado

# Longan kaj prosperan vivon al interlingvistiko

Ĉi-numere aperas la lasta artikolo de la serio Interlingvistiko por Esperantistoj (IpE) de profesoro Federico Gobbo. La malferma temo de la serio estas "La holivudaj planlingvoj", elpensitaj de profesiaj lingvistoj por diversaj fikciaj filmoj. Unu el la plej famaj el tiuj lingvoj estas la klingona, parolata de la klingonoj, eksterteranoj el *Star Trek*, tre populara sciencfikcia televid-serio. La mansigno montrata per lampo sur nia kovrilo estas saluto de la vulkanoj, alia ekstertera popolo el tiu serio, kun la signifo "Longan kaj prosperan vivon". Finiĝas la serio IpE, sed la paĝoj de la revuo *Esperanto* estos daŭre malfermitaj al aliaj fakuloj, veteranoj kaj novaj talentoj, ekzemple la profesoroj kaj studentaro el Poznano. Interlingvistiko vivu longe kaj prosperu la komunumo de niaj fakuloj pri ĝi.

Figuro 4: Parto de la kovrilo kiu ĝisas la artikolserion (supre) kaj la trovkrado en Amsterdamo (sube)